4-a JARO JUNIO 1912. 8a NUMERO (44)

BELGA ESPERANTISTO

 MONATA REVUO 

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcio : | Administracio : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |
| 20, VONDELSTRAAT | 45, KLEINE BEERSTRAAT |
| (20, rue Vondel) | (45, rue de la Petite Ourse) |
| ANTVERPENO | ANTVERPENO |

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# La Kvara Belga Esperantista Kongreso en Gent (26-27 Majo 1912).

Pli ol 200 belgaj samideanoj kune kun kelkaj anglaj, francaj kaj holandaj geesperantistoj ĉeestis nian kvaran belgan kongreson kiu okazis en Gent, la belega urbo de la floroj, de la monumentoj kaj de la industrio.

Cento da kongresanoj ĉeestis je la Pentekosta mateno, la katolikan Diservon kiu okazis en la Maria Kapelo de la Jesuitoj en la Stormstraat. Pastro Richardson faris mallongan sed bonegan, bone sentitan kaj bone diritan predikon pri la regno de Dio, kiu estas la regno de paco.

Je la naŭa, la kongresanoj kunvenis en la Borso, Kouterplaco, kaj kun flirtantaj standardoj, je la sonoj de gaje ludanta muziksocieto ili iris al la urbdomo kie la Urbestraro solene estis akceptonta la samideanojn.

La simpatia skabeno De Weerdt akceptis la esperantistojn kiujn prezentis al la urbestraro nia sindonema amiko S-o Maertens, la honora prezidanto de Genta Grupo.

S-o De Weerdt per koraj vortoj bondeziris al la samideanoj la bonvenon kaj poste S-o A. J. Witteryck, la kara Prezidanto de la Belga Ligo, diris la sekvantan paroladon :

*Monsieur l'Echevin, Messieurs,*

L'homme jette des ponts sur les fleuves, même les plus larges, il perfore les montagnes de granit, il perce les isthmes' parce que ces fleuves, ces montagnes et ces isthmes entravent

ses relations avec ses semblables et sont des barrières à ses entreprises.

L'homme captive la vapeur et la foudre et en fait de précieux auxiliaires pour franchir d'énormes distances à travers l'eau comme à travers la terre, il s'en sert pour transporter ses marchandises et même pour transmettre sa pensée et avec la moindre dépense de temps d'un bout à l'autre du monde.

Tout cela, Messieurs, est nommé, à juste titre, le progrès.

Cependant, depuis des siècles, une barrière infranchissable semblait vouloir se dresser à jamais devant les nombreuses conquêtes du génie humain : je veux parler de la diversité des langues.

Comme vient de le dire Monsieur l'Echevin, l'histoire nous enseigne qu'elle fit échouer la téméraire entreprise de la Tour de Babel.

Et qui dira de combien d'échecs particuliers et généraux elle fut encore la cause ?

Qui pourrait dire combien de désastres elle nous a amenés et combien de sang humain elle a fait couler ?

Supprimer cette entrave, voilà, à mes yeux, le complément des progrès, je pourrais dire le progrès de tous les progrès.

Bien des savants, ayant compris la chose, ont signalé le mal, et même plusieurs ont tâché de l'enrayer.

Aujourd'hui aucun homme sérieux n'ose plus douter de la possibilité de l'entreprise, je veux dire de la création d'une langue internationale.

Le Dr Zamenhof en créant l'Espéranto, a fait tomber cette barrière.

A nous d'accepter l'insigne bienfait qu'il offre à l'humanité entière.

Comme toujours, rebelles à toute institution, quelque bonne qu'elle soit, les peuples hésitent ; voilà pourquoi il faut des travailleurs, des militants et c'est la phalange belge de cette armée pacifique qui jouit en ce moment de votre sympathique accueil.

Je suis heureux, Messieurs, de pouvoir affirmer que la ville de Gand ne reste point indifférente à notre entreprise vraiment philanthropique. En effet, depuis plus de deux ans se dessine le mouvement espérantiste dans cette importante cité industrielle ; et, sous l'égide de nos vaillants amis, Messieurs Maertens, Sebruyns et Petiau, il s'y developpe avec une rapidité étonnante.

D'autre part notre œuvre rencontre ici l'appui de l'Administration communale, qui soutient les Espérantistes de ses deniers et les accueille dans ses locaux.

Les paroles que Monsieur l'Echevin De Weerdt a daigné prononcer l'an dernier, lors de la réception officielle d'un groupe d'Esperantistes en excursion, et par lesquelles il s'est déclaré partisan de notre entreprise, ont rendu son nom populaire parmi tous nos amis. A vous donc en particulier, Monsieur l'Echevin, nos plus vifs remerciements!

Aujourd'hui encore vous nous témoignez votre approbation et vous nous encouragez en daignant nous recevoir cordialement dans vos murs, où nous comptons déjà tant d'intellectuels qui luttent avec nous.

Je vous en remercie, Monsieur, au nom de tous les Espérantistes belges et étrangers et vous donne l'assurance que l'an prochain, lors de votre grande exposition internationale, l'Esperanto rendra ici les plus grands services, car le voyageur instruit comprend de mieux en mieux la grande importance qu'il y a pour lui de se servir de l'Esperanto comme langue auxiliaire.

Je termine, Messieurs, en souhaitant que l'exposition de 1913 dépasse toutes celles que nous avons vues jusqu'ici et ajoute encore à la gloire et à la prospérité de l'antique cité des Van Artevelde!

La honora vino estis prezentata al la invititoj kaj kelkajn minutojn poste la tuta samideanaro forlasis la gasteman urbdomon kaj iris al la Borso kie devas okazi la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo.

* * *

Estis la dekunua kiam la Prezidanto malfermis la kunsidon. Je la estrara tablo sidis: S-ro Witteryck, prezidanto, Pastro Richardson, vic-prezidanto, S-ro Champy, Sekretario, S-ro Mathieux, kasisto, S-ro Maertens, Sebruyns, Petiau kaj Willems el Gent, F-ino B. Ledène el Brugge, S-ro Van Drunen el Bruselo, S-ro Tronquet el Lille, S-ro Adams el Hastings kaj S-ro Van Schoor, redaktoro de la Belga Esperantisto.

Leteroj kaj telegramoj de senkulpiĝo alvenis de generalo Sebert, S-ino Biske, S-ro Delvaux, S-ro Schoofs. S-ro Durieux k.c.

Kiam la silento fariĝis, la Prezidanto faris la sekvantan parolon.

*Estimataj Gesamideanoj,*

Mi havas la honoron diri al vi tutkoran bonvenon en la gastema kaj bela urbo Gent, kie niaj viglaj samideanoj tiel laŭdinde organizis la hodiaŭan kongreson.

Mi ne povas preterlasi adresi mian plej sinceran dankon al la simpatia estraro de tiu ĉi urbo kiu tiel afable akceptis nin en la urbdomo kaj kiu tiel malavare subtenas la lokan grupon.

Mi dankas ankaŭ la fremdlandajn samideanojn kiuj bonvolis honori la belgan kongreson per sia ĉeestado ; fine mi dankas ankaŭ la belgajn geamikojn, ĉar ili tiel multnombre venis al tiu ĉi grava kunveno, kaj tiamaniere pruvas sian fervoron por la propagando de nia kara Zamenhofa lingvo !

Estimataj Gesinjoroj, malfermante ĉi tian kunsidon de la IVa belga kongreso, le unuan kiun mi havas la devon kaj la honoron prezidi, doloriga sento premas mian koron, ĉar mi ne vidas ĉi tie, kiel kutime, nian altestimatan amikon, Van der Biest-Andelhof ! kaj pri tio mi ne dubas, sama funebra sento plenigas la koron de vi ĉiuj, kiuj havis la plezuron iam aŭdi, ĉe niaj kunvenoj, lian kuraĝigan, fidplenan parolon.

Ĉiuj esperantistoj kaj precipe ni, belgaj esperantistoj, ŝuldas multe al li, kaj por nia agado, lia morto estas certe, grava, nekalkulebla perdo.

Tamen, se li mem ne plu estos kun ni, lia memoro restos, nia amo por li ne ŝanĝiĝos, neniam ni forgesos la ege bedaŭratan bonan estron kaj, laŭ lia kuraĝiga ekzemplo ni pace kaj senlace batalados sub la verda standardo por trafi nian noblan celon ?

Malfeliĉe el Charleroi mi ricevis ankaŭ malĝojigan novaĵon : nia estimata vic-prezidanto Sro Delvaux estas ege malsana ; jam de kelka tempo, li ne povas forlasi sian liton.

Mi esprimas pri tio mian plej sinceran bedaŭron kaj deziras ke la vigla amiko kaj fervora propagandisto estu baldaŭ tute resanigata.

* * *

La ĝenerala kunsido, Estimataj Gesinjoroj, estas certe la plej grava parto de la kongreso.

La programo estas ampleksa kaj grava, sed ĝi estas fruktedona nur se vi ĉiuj atente sekvas la diskutadojn kaj klarigojn, kaj se poste vi ĉiuj rememoras pri ili dum la favora momento kaj kunhelpas por efektivigi niajn decidojn.

Pro la amplekso de nia programa, ne timu ke la kunsido daŭros tro longtempe ; ni forigu ĉiujn neutilajn parolojn, kaj kiam sonos la duono post la dekdua, mi fermos la kunsidon preterlasante se necese, kelkajn punktojn ĝis la proksima kunveno.

* * *

Estimataj gesamideanoj, kiam, dum la jaro 1890, mi eksciis la ekzistadon de internacia helpa lingvo, mi kore aplaŭdis, kaj tuj lernis tiun lingvon : Volapüko'n ; mi tre naive supozis ke tuj ĉiuj popoloj farus kiel mi, kaj ke post malmulte da jaroj oni nur bezonus lerni la gepatran lingvon kaj la helpan lingvon, por interkomprenigi la tuton homaron.

Tamen, baldaŭ mi rimarkis ke tiu lingvo estas tro malfacila, precipe por la parolaj rilatoj.

Konsekvence mi mem tuj ekverkis novan internacian lingvon ; ĉiutage mi almetis kelkajn ŝtonojn al tiu grava laciga

konstruaĵo. — La espero fortigis min, kaj mi ne dubis, ke tuj post la finiĝo de mia verko, ĉiuj popoloj entuziasme ĝin estus akceptintaj.

Preskaŭ dekdu jaroj forpasis de l' momento, kiam mi ekvidis, la unuan fojon, esperantan gramatikon.

La bonaj ecoj de tiu lingvo mirigis min ; mi flanken metis mian verkaĉon, kaj, lernante tiun admirindan lingvon, denove mi diris : nun almenaŭ la popoloj baldaŭ rompos la barilojn de la diverslingveco.

Mi tiam denove esperis kaj nun ankoraŭ mi devas esperi.

Parte, tamen, mia espero estas efektivigita. Ni akiris almenaŭ la publikan aprobon de multaj inteligentaj personoj ; jam en ĉiuj kulturlandoj, Esperanto estas konata, multaj vojaĝantoj, komercistoj kaj scienculoj komprenas ke nia lingvo estas taŭga kaj necesa.

Multaj landestroj kaj eminentuloj protektas nian agadon ; nia reĝo nin aprobas. Sed tio ne sufiĉas : la landestraro devas enkonduki la instruadon de Esperanto en la publikajn lernejojn : ĵen nia celo, klare difinita !

Ĝin ni devas atingi, kaj por sukcesi ni devas uzi la bonajn rimedojn !

Mi ne intencas montri nun ĉion kion, laŭ ni, ni devus fari por tute sukcesi; mi estus sufiĉe kontentigata se ni povus fari grandan antaŭenpaŝon dum la venonta jarperiodo, nome, se ni povus duobligi almenaŭ la nombron de la belgaj grupoj.

Mi jam esploris la projekton, kaj mi ne timas certigi ke tio estos farebla, se vi donas al mi vian helpon.

Dum nia lasta komitata kunveno, la Belga Ligo Esperantista reorganizis la propagandan sekcion.

Tiu sekcio konsistos el 25 membroj, kaj ĉiu el ili certe starigos aŭ restarigos grupon dum la proksima vintro.

Vi scias tiel bone kiel mi, Estimataj Gesinjoroj, ke por starigi grupon, ne sufiĉas fari bonan sukcesplenan paroladon, ne, tia parolado devas esti sekvata de serio da lecionoj, kaj tio ankaŭ estos farata.

Jen tio kion nun mi petas de vi : Ni bezonas ankoraŭ kelkajn bonajn propagandistojn, kiuj eblas doni sufiĉe da tempo al nia afero por starigi grupon dum la lastaj tri monatoj de tiu ĉi jaro.

Mi do petas ke tiuj personoj donu, hodiaŭ, post la festeno, sian nomon al mi ; plie ke oni sciigu al mi en kiaj urboj aŭ komunumoj estus dezirinde starigi aŭ restarigi grupon.

Rimarku ke, laŭ la regularo, la kaso de la Propaganda Sekcio pagos la vojaĝkostojn de ĝiaj membroj.

Ĉar mi scias ke vi ĉiuj estas tre fervoraj mi ne dubas pri via helpo ; kaj me rediras ke post la festeno mi atendas la pacajn batalantojn, sub la verda standardo !

Helpu nin ! La nepoj vin benos !

La parolado de la Prezidanto faris grandan impreson kaj kiam li parolis pri sia bedaŭrata antaŭulo, Amatus Van der Biest, la tuta ĉeestantaro staris silente dum momento, por rememori nian sindoneman mortinton.

* * *

Post la aplaŭdoj kiuj honoris la prezidantajn vortojn, Sro Champy, la sekretario de la Belga Ligo, legis la sekvantan raporton :

## RAPORTO pri la ESPERANTISTA MOVADO en BELGUJO dum la jarperiodo 1911/1912.

Tre Estimataj Gesinjoroj,

Por plenumi la taskon devigatan de la Regularo, mi havas la honoron raporti al vi pri la rezultatoj akiritaj dum la pasinta jarperiodo.

Antaŭ ĉiu alia afero, mi plenumas la malĝojan devon esprimi nian sinceran respektan submetiĝon je la memoro de nia bedaŭrata Eks-Prezidanto, S-ro Van der Biest-Andelhof, kiun la morto forrabis je nia estimo, apenaŭ kelkaj monatoj poste kiam, li forlasis la prezidantecon de nia Ligo por ripozi kaj resaniĝi. Sed vane, la terura malsano jam estis trafinta lin ; nenia homa forto povis haltigi la neŝanĝeblan leĝnaturon : por ĉiam li forlasis nian terglobon la 22an de januaro.

La grava rolo ludita de nia bedaŭrata amiko, estas ankoraŭ tro proksime de ni por ke mi devu ĝin rememori. Ni nun povas konservi lian memoron ĉe niaj koroj, citi lin al la estontaj esperantistoj kiel ekzemplo de senlaca sindono al nia afero kaj certigi je lia familio la grandan parton kiun la esperantistaro prenis je ĝiaj doloroj.

Kvankam nia Ligo ne sin okupis rekte pri la organizado de la VIIa Internacia Kongreso, mi ne povas tute silenti pri tiu grava okazintaĵo por la esperantista movado. Specialaj gazetoj donis dum la okazinta tempo, sufiĉajn detalojn kaj klarigojn por ke mi ne devu pritrakti tiun temon ; mi nur diras kaj plezure konstatas ke niaj eksterlandaj samideanoj faris ĉion eblan por sukcesigi kaj enradiki esperanton en nia lando. Al ili, la belga esperastistaro ŝuldas dankojn.

La raportoj de la aliĝintaj grupoj sciigis min pri la dormemo de Esperanto ĉe kelkaj lokoj kaj ĉefe, en Lieĝo kaj ĉirkaŭajoj, sed male, serioza nova movado naskiĝis en aliaj partoj de la lando. Mi precipe citos Charleroi, Gent, Spa, kie esperanto kreskadas mirinde.

La statistiko elmontras ke 48 kursoj okazis en Belgujo dum la jus pasinta sezono, kaj ke oni instruas proksimume 1100 lernantojn.

Estas do multe pli ol la lastâ jaro.

La plej citinda ekzemplo estas Charleroi, kie niaj amikoj starigis 5 kursojn kun 283 lernantoj, tiam ke la lasta jaro okazis nur unu kurso kun 25 lernantoj.

Specialajn gratulojn ĉiuj konsentos al la tieaj viglaj propagandistoj.

En Gent ankaŭ, bela ekzemplo : la tiea grupo multe pligraviĝis kaj sukcesis inciti 15 lernantojn sin prezenti por la akiro de la diplomo pri profesora kapableco. La ekzameno okazis en Gent la 5an kaj 12an de majo. Speciala raporto de la prezidanto de la juĝantaro klarigos detalojn pri tiu punkto.

En Spa, kie de kelkaj jaroj ne ekzistis plu grupo, nova kaj grava grupo estas starigita, dank' al la sindono kaj agemeco de S-ino D-rino Biske, kiu ankoraŭ rajtas gratulojn.

La IIIa Nacia Kongreso okazinta en Charleroi, la 4an kaj 5an de junio, tre bone sukcesis kaj havis bonan efikon pri la propagando.

Uzante de la sperteco akirita dum la antaŭaj kongresoj, ni ne dubas ke la loka komitato de Gent, akceptos la kongresanojn ĉi-tiun jaron, indamaniere je la famo de la urbo kiu okupis tiel gravan vicon en la historio de nia lando.

La projekto de propagando de S-ro Witteryck promesas efikan rezultaton kaj jam la financa stato de la liga kaso malnigriĝas : ni certe ne atendos longtempe por aplaŭdi la rezultatojn.

Jaro post jaro ni sukcesas altiri la atenton de la diversaj komunumaj aŭtoritatoj pri nia programo ; ni renkontas pli kaj pli da apogoj laŭ diversaj formoj. Ankoraŭ la gazetaro fariĝas pli bonvolema ĉar ĝi pli bone komprenas la gravecon de nia celo.

Al ĉiuj niaj helpantoj, dankon.

La rezultataro kondukas min konkludi, ke la belga esperantista movado ĉium antaŭiras kaj progresadas. Nun, la fondoj sur kiuj ni starigis nian konstruaĵon kuŝas sur roko. Nek tertremo, nek la plej forta ventego pereigos la fruktojn de la ĝisnunaj klopodoj. Kiel la laborema formiko, ĉiu esperantisto de la tuta mondo alkondukas, tagon post tago, novan ŝtonon, kiuj senĉese plialtigas la monumenton, kiu baldaŭ, kiel granda lumturo, direktos la homaron, laŭ la celita vojo kiu havigos al ĝi, pacon, internacian fratecon kaj moralan bonstaton.

La Ĝenerala Sekretario :
L. Champy.

* * *

Kiam alvenis la vico de la kasisto, S-ro Mathieux legis la raporton kiu sekvas, pri la stato de la Liga kaso.

*Karaj Gesamideanoj,*

En kelkaj vortoj, mi deziras sciigi al vi pri la nuna stato la Liga kaso.

Ni posedas hodiaŭ en mono 438.31 fr. Lastan jaron ni havis nur 244.52 fr. Tamen ni esploru iom pli atente la situacion.

La enspezoj sumiĝas je 488.39. El tiu sumo nur 154.00 fr. devenas de kotizaĵoj (125 fr. de grupoj, 9 de izolitaj membroj kaj 20 de bonfaranta membro). Ekzameno 120 fr.

La restanta sumo (do 214.39 fr.) estas la rezultato de la Soldo por Esperanto. Sed mi rimarkigas al vi ke la grupoj nur pagis 16.56 fr por la Soldo kaj la aliaj 196.83 estis plej parte kolektitaj dum la Antverpena kongreso.

Mi konkludas ke se la grupoj ne zorgas pli fervore por kolekti la Soldon, ni devas antaŭvidi ke proksiman jaran ni enspezos proksimume 200 fr. malpli ol dum 1911-12.

La elspezoj altiĝas je 294.60 fr. Ili konsistas el 55.90 fr. por korespondaĵoj, 27 fr. por presaĵoj, 30.20 fr. por abonoj al « Belga Esperantisto » de Honoraj Membroj, 37 85 por donaco al D-ro Zamenhof okaze de la Sepa, 22.40 por sendado de la « Bulletin de la Ligue » kaj 22.60 da diversaĵoj.

Dum la proksima periodo tiuj du lastaj punktoj plej parte malaperos. La ekzameno 98 65 fr.

Rezume, ni povas trankvile antaŭvidi la estontecon, kondiĉe ke ni fervore zorgu pri la Soldo aŭ ke ni enkasigu aliamaniere egalan suman.

F. Mathieux, Kasisto.

Bruselo, la 24an de Majo 1912.

## Belga Ligo Esperantista

*Etato de la Kaso dum la Periodo 1911-1912.*

| Enspezoj. | | Elspezoj. | |
|---|---|---|---|
| Lasta Saldo | 244.52 | Korespondaĵoj | 55.90 |
| Kotizaĵoj | | Sendado de la «Bulteno» | 22.40 |
| a) de Grupoj | 125.— | Presaĵoj | 27.— |
| b) de Izolitaj Membroj | 9.— | Abonoj al Belga Esperantisto por Honoraj Membroj | 30.20 |
| c) de Bonfaranta Membro | 20.— | | |
| Soldo por Esperanto | 214.39 | Donaco al Zamenhof | 37.85 |
| Ekzameno | 120.— | Diversaĵoj | 22.60 |
| | | Ekzameno (Juĝantaro) | 98.65 |
| | | Kredita Saldo | 438.31 |
| | **732.91** | | **732.91** |

* * *

La kunvenantaro decidis la sendon de la sekvantaj telegramoj al la Reĝo Alberto, al nia kara Majstro, kaj al S-ro Delvaux la vicprezidanto, kiu pro ega malsano malebligis ĉeesti la kongreson.

*A Sa Majesté Albert, Roi des Belges,*
*Bruxelles.*

Trois cents espérantistes belges et étrangers, réunis à Gand à l'occasion du congrès national espérantiste annuel, Vous présentent l'assurance de leur plus profond respect et viennent d'acclamer un toast à Votre Majesté et à la prospérité de Votre règne.

WITTERYCK,
Président,

Posttagmeze la Prezidanto ricevis la sekvantan telegraman respondon.

« Le Roi a été très touché du télégramme que vous lui avez adressé au nom de trois cents Espérantistes belges et étrangers réunis à Gand — Sa Majesté m'a chargé de vous prier d'être l'interprête de ses remerciements très cordiaux auprès des congressistes qui ont bu à sa santé.

LE CHEF DU CABINET DU ROI.

*Doktoro Ludoviko Zamenhof,*
*Dzika, 9,*
*Warszawa.*

300 esperantistoj, kunvenintaj en Gento, prezentas sian respektplenan saluton, trinkante je via feliĉo kaj la sukceso de Esperanto.

WITTERYCK

*Delvaux,*
*Boulevard Joseph II, 10,*
*Charleroi.*

La kvara belga kongreso esprimas sian sinceran bedaŭron pro via malsano kaj tutkore deziras al vi baldaŭan resaniĝon.

WITTERYCK

* * *

S-ro Finet, prezidanto de la juĝantaro poste legis la raporton pri la lastaj ekzamenoj :

## Raporto rilate al la ekzamenoj organizitaj de la Belga Ligo Esperantista dum la jaro 1912a.

Je l'nomo de la juĝantaro komisiita de la B. L. E. mi havas la honoron sciigi al vi raporton pri la lasta ekzameno (1912a).

Pro la multnombreco de la kandidatoj kaj pro la neceseco pasigi je la diversaj partoj de la ekzameno konvenan tempon, la juĝantara komisio kies membroj estas S-roj D-ro Van der Biest, Parotte kaj mi mem, funkciante kiel Prezidanto kunvenis dufoje la 5an kaj la 12an de Majo en komunuma lernejo de Gent.

Jen la demandaro redakciita laŭ la regularo :

I. SKRIBA EKZAMENO.

a) *Traduko el Esperanto :* Parto el la lasta kongresparolado de D-ro Zamenhof (Vidu en : Belga Esperantisto, p. 265a — Sept.-Okt. 1911. — « Ekzistas. , ĝis... kontraŭ malamikoj »

b) *Traduko en Esperanton :* De Woning (L'habitation). — De Brandstoffen (Les combustibles).

c) *Redakto :* Incitu vian amik(in)on kiu memlernis Esperanton por ke li (ŝi) ĉeestu la perfektigan kurson kaj la vesperkunvenojn de via grupo.

II. VOĈA EKZAMENO.

a) *Legado kaj traduko* de teksto el la du favore konataj verkoj : « Ne dezirita » kaj « Formortinta Delsuno ».

b) *Gramatiko :* Demandaro pri gramatikaj malfacilaĵoj.

c) *Interparolado* pri faktoj el la ĉiutaga vivo.

III. INSTRUADO.

Ĉiu kandidato instruis pri diversa punkto el la gramatiko.

—

Citinda kaj ĝojiganta okazintaĵo : dudek-kvar kandidatoj sin enskribigis ! La juĝantaro decidis ke dek-sep el ili meritas ricevi ateston.

Jen iliaj nomoj :

*Fraŭlinoj :*

Baudon Irène, Colijn Eugénie, Höbisch Hélène, Nachtergaele Juliette, Servranckx, Sprangers, Van Melle Eléonore, Willems Mary.

*Sinjoroj :*

Clerbaut Jules, Herman O., Van Cleemputte Florent, Van de Vijver, Van de Winkel, Van Eecke Felix, Van der Sypt Amatus, Van Aecker Aug.

Ili ricevos la diplomon pri profesora kaj S-ro Alb. Barbe tion pri simpla kapableco.

Plie la juĝantaro decidis ankaŭ doni diplomon pro honoro al S-roj Abato Richardson, Van Schoor Oscar, Schoofs Frans, Delvaux kaj Wagner.

La dimanĉon, la 12an de Majo, tuj post kiam la juĝantaro finigis sian taskon, S-ro Witteryck, prezidanto de la Ligo, konigis la rezultaton de la ekzameno. Li gratulis la kandidatojn, kuraĝigis kaj incitis ilin daŭrigi la studadon de Esperanto kaj la propagandon por nia lingvo internacia. S-ro O. Herman je l'nomo de la kandidatoj dankis la juĝantaron. Li promesis ke ili ne nur praktikigos la konsilon de nia estimata Liga Prezidanto sed ke ili ankaŭ klopodos por la enkonduko de Esperanto en la komunumajn lernejojn de Gent.

La prezidanto de la juĝantaro esprimis sian ĝojon sciiĝinte ke tiom da siaj samprofesianoj komprenas la noblan homaman

celon de D-ro Zamenhof, la pratikeblecon de Esperanto, vera pacigilo. Li esperas ke ili restos entuziasmaj propagandistoj.

Je l'nomo de la juĝantaro,

A. FINET.

La Prezidanto poste donis la diplomojn al novaj gediplomitoj.

**Ekzameno de 1912**

*Nomaro de la gekandidatoj diplomitaj, laŭ alfabetika vico.*

| | | |
|---|---|---|
| Fraŭlinoj | Baudon Irène, Instruistino | Gent |
| » | Colyn Eugénie | » |
| » | Höbisch H., Instruistino | » |
| » | Nachtergaele Juliette, Instruistino | » |
| » | Servranckx Renée | » |
| » | Sprangers G., Instruistino | » |
| » | Van Melle Eléonore, Instruistino | » |
| » | Willems Mary | » |
| Sinjoroj | Clerbaut Jules | Boom |
| » | Herman O., Lernejestro | Gent |
| » | Van Aecker Auguste | Lembeke |
| » | Van Cleemput Florent | Gent |
| » | Van Eecke Félix, Lernejestro | » |
| » | Van der Sypt Amatus | Gendbrugge |
| » | Van de Vyvere G., Instruisto | St-Amandsberg (Gent) |
| » | Van de Winckel J., Lernejestro | Gent |

**Simpla Kapableco**

| | | |
|---|---|---|
| Sinjoro | Barbe Albert | Gendbrugge |

*Pro Honoro*

| | | |
|---|---|---|
| Sinjoroj | Abato A. Richardson | Brussel |
| » | Delvaux L. | Charleroi |
| » | Wagner F. | » |
| » | Van Schoor O. | Antwerpen |
| » | Schoofs F. | » |

Donante la kapablecan diplomon al la juna sinjoro Barbe Albert, la Prezidanto diris :

Mi tutkore gratulas vin, juna amiko, kaj esperas ke via ekzemplo incitos la junularon por fortikigi niajn vicojn.

Imitu vian viglan patron !

Mi deziras nur tion de vi, kaj tio tute sufiĉas.

Poste, sin turnante al la novaj profesoroj kaj profesorinoj, la prezidanto aldonis :

Estimataj Gediplomitoj,

Mi havas la plezuron gratuli vin pri la bela sukceso de via ekzameno. Estas certe vera ĝojo por ĉiuj liganoj ekscii ke la nombro de niaj diplomitaj geprofesoroj pligrandiĝis de 16.

Mi esperas, Estimataj Geprofesoroj, ke vi ne juĝos la

posedon de tiu diplomo sufiĉan por la propagando de nia lingvo. Ne ! profitigu ĝin, igu viajn klopodojn por ĝin akiri fruktedonajn ; kaj tion vi povas, daŭrigante la praktikon de Esperanto, kaj donante novajn kursojn. Tiamaniere vi varbos pli kaj pli da novaj adeptoj, kiuj, je via ekzemplo, ankaŭ plidensigos niajn vicojn kaj plifortikigos la belgan armeon de pacaj batalantoj.

Laboru, Estimataj Geprofesoroj, laboradu por la efektivigo de nia deziro, kaj ni esperu ke baldaŭ ni atingos nian komunan noblan celon !

Laŭtaj aplaŭdoj substrekis la legadon de la gediplomitaro kaj kiam la entuziasmo iom silentis, S-o Champy legis la proponon pri reguligo de la regularo.

## Propono de nova teksto de la artikolo 6a de la Regularo de la BELGA LIGO ESPERANTISTA

La grupo kiu deziras aliĝi al la Ligo havigos al la ligestraro peton, en esperanto, kaj subskribitan de almenaŭ la plimulto de la komitatanoj.

Estos aldonita :

1) La plena regularo de la grupo, en esperanto, kaj subskribita de la samaj komitatanoj, kiuj certigos ke tiu regularo estas aprobita de la ĝenerala kunveno.

2) La plena nomaro, kun adreso de la gegrupanoj.

La liga komitato esploros tiujn dokumentojn dum la plej proksima kunveno kaj konigos la decidon al la petanto.

Ĉiu ajn ŝanĝo al la regularo de aliĝinta grupo, devas estis konigata al la estraro de la ligo, kiel eble plej baldaŭ.

Ĉiujare la aliĝintaj grupoj havigos, antaŭ la 1-a de februaro al la sekretariejo de la Ligo, la plenan nomaron de la gegrupanoj kaj de la komitato.

La nombro da membroj de tiu nomaro estos uzata dum la venonta jaro por fiksi la kotizajon pagotan kaj la nombron da delegitoj kiujn la grupoj rajtas sendi al la komitato.

La aliĝintaj grupoj pagas jaran kotizajon laŭ la jena proporcio,

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 5 | Frankojn po malpli ol | | 50 | Membroj |
| 10 | id. | 50 ĝis | 100 | id. |
| 15 | id, | 101 » | 150 | id. |
| 20 | id. | 151 » | 100 | id. k.t.p |

Konsekvence de la akceptota teksto, la lasta paragrafo de la Art. 8a estos forstrekata.

Tiu propono estis unuanime akceptata.

* * *

Ĉar S° Schoofs, pro civitanaj devoj ne povis ĉeesti la kunvenon, S° Van Schoor klarigas al la gekongresanaro la signifon de la propono de S° Schoofs. Oni starigos en la komitato de la Ligo diversajn fakajn komisiojn kiuj speciale

okupos sin, unu pri la propagando, alia pri paroladoj, tria pri interrilatoj kun la ĵurnalistaro, kvara pri la monrimedoj, k. t. p. La propono de S° Schoofs, kiu ricevis la aprobon de ĉiuj ĉeestantoj, estos praktike enkondukata en la sekvanta komitata kunveno.

* * *

Poste Fraŭlino B. Ledène, legas tre ampleksan kaj interesplenan raporton de S° Delvaux, pri nia festonta agado. La enhavo de tiu raporto estas tro interesa por resumi ĝin kaj ni esperas ke ni povos publikigi ĝin en ia el la proksimaj numeroj de nia revuo.

La prezidanto petas S-on Van Schoor ke li prokrastu sian parolvicon pri « Belga Esperantisto » ĉar la voĉdonado por la ses membroj elektotaj de la komitato devas nepre esti farata dum la nuna kunsido.

La ses delegitoj kies mandato finiĝis estis reelektataj nome Sinjoroj Babilon, Champy, D-ro Dupont, Parotte, Pastro Richardson kaj Van Schoor, kaj el la du proponoj por la urbo de la kvina belga kongreso, oni elektis Liège anstataŭ Spa.

Kaj nun estis tempo por la kuna fotografiĝo, kaj ankaŭ la festenmanĝo jam nin atendis.

* * *

La granda salono de la Borso prezentis dum la esperantista festeno belan aspekton. Proksimume ducent gesamideanoj sidis ĉe la festentabloj kiu estis bele ornamitaj. Antaŭ ĉio invitito staris ekzemplero de la artplene desegnita menuo kiun ni ŝuldas al la juna samideanino F-ino Elsa Champy.

La nombro de tostoj estis granda, tamen oni aŭskultis ilin kun intereso kaj entuziasmo. La unua tosto, de la prezidanto estis direktita al la Reĝo Alberto. Ni publikigas ĉi sube la tekston.

*Altestimata Sinjoro Skabeno, Karaj Gesamideanoj,*

Kiam, antaŭ kelkaj monatoj, ni belgaj, kaj ankaŭ ĉiuj alilandaj esperantistoj, eksciis ke nia Reĝo Alberto bonvolis akcepti la titolon de Alta Protektanto de la VIIa tutmonda Esperanta Kongreso en Antverpeno, tiam, universala sento de ĝojo kaj de danko sin levis el ĉiuj koroj, ĉar per tiu akcepto nia kara Reĝo publike konigis sian intereson, sian favoron al Esperanto.

Tamen, tio ne estis mirinda! Laŭ mi, nur la skeptikuloj povis dubi pri tiu akcepto!

Efektive ĉu nia Reĝo ne ofte pruvis ke li estas progresema, kaj ĉu la efektivigo de internacia lingvo ne estas kvazaŭ la krono de ĉiuj progresoj de nia progresplena epoko?

Aliflanke, kiu pli ol reĝo bezonas interrilati kun fremdaj nacioj, kaj sekve, kiu povas plej bone ekspsimenti la grandan utilecon de internacia lingvo?

Plie, kiu pli bone ol estro reganta diverslingvan landon povas kompreni la necesecon de Esperanto?

Certe nia Reĝa Moŝto komprenas tion!... kaj, okaze de Antverpena Kongreso, li tion pruvis?

En komuna ideo de danko kaj de amo al nia simpatia Reĝo kaj al lia tuta Familio, mi plenumas agrablan devon proponante al vi toston al Iliaj Majestaj Moŝtoj Alberto kaj Elizabeto de Belgujo.

Ni trinku je ilia bonfarto, je ilia feliĉo kaj je la prosperado kaj longedaŭro de ilia regado!

Vivu la Reĝo!

Vivu la Reĝa Familio!

Poste ni aŭskultis la tostojn de S-ro Maertens (je la Urbestraro kaj la fondintoj de la Gent'a Grupo); S-ro De Weerdt, skabeno (je S-ro Maertens, la ĉeestantaj Sinjorinoj kaj D-ro Zamenhof); S-ro Sebruyns (je la Gent'a Grupo kaj je la kongresanoj); S-ro Finet (je la sano de la Prezidanto, S-ro Witteryck); S-ro Van Schoor, (je la flandralingva ĵurnalaro de Gent); Pastro Richardson (je la redakcio de Belga Esperantisto); S-ro Mathieux (je la fremdlandaj samideanoj); S-ro Petiau (je la sinjorinoj kaj speciale je l' honoro de F-ino Roksano); F-ino Roksano (por danki la Gent'an Grupon); D-ro Dupont (je la organiza komitato); kaj F-ino Colyn (je la sano de F-ino Champy, kiu desegnis la belan menuon).

La festeno finiĝis en la plej ĉarmaj kaj agrablaj cirkonstancoj.

*
* *

Post la festeno la gekongresanoj vizitis la antikvan kastelon de la grafoj de Flandro, kaj aliajn el la mirindaj antikvaĵoj kaj monumentoj el la bela urbo.

*
* *

Je la Sepa vespere ili kunvenis en la Teatro Minard por ĉeesti la riprezentadon de *Por Kvietaj Personoj* de Em. Van Driessche, esperantigita de nia bedaŭrata Amatus. Oni riprezentis plie la du bonkonatajn teatraĵojn de Roksano nome: *Duonsurda* kaj la *Fianĉiniĝo de Sovaĝulineto*. Grandan sukceson akiris la ludantoj inter kiuj F-ino Roksano mem. Ni ne forgesu la belajn kantojn kaj humorplenajn deklamaĵojn de nia Boom'a amiko A. Van de Velde.

*
* *

Lundon matene la samideanoj vizitis la mondfamajn florkulturejojn de Van Houtte en Gendbrugge kaj posttagmeze ili vaporŝipe veturis sur la rivero *de Leie* ĝis la kampara restoracio *Den Anker* kie okazis intimaj festoj. Je la sesa la kongresanaro estis ree en Gent kaj ĉiuj eksterurbaj esperantistoj foriris siaflanke por retrovi la hejmon; tutkore ili gratulis la Gentanojn kiuj tiel bone aranĝis la diversajn kongresajn partojn kaj adiaŭante kun

kora sento da danko la samideanojn el Gent, ili entuziasmplene diris unu al alia *Ĝis la revido* en la kvina.

* * *

Fina konkludo : La kvara bonege sukcesis, ĉiuj ĉeestintaj ĝoje rememoros la Pentekostajn tagojn de 1912 kaj Gent kaj ĝiaj samideanoj meritis nian sinceran dankon ; oni ree vizitos la la gasteman urbon dum la proksima ekspozicia jaro. O.V. S

## Nomaro de la Gekongresanoj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Sro J. Jacobs, | Antwerpen. | Sro Verwilligen, | » |
| Sino J. Jacobs, | » | Sro Caris, | » |
| Sro Marcus, | » | Sro Caris, | » |
| Sro De Koning, | » | Sro Clerbaut, | .Boom |
| Sro Van de Voorde, | » | Sro Van de Velde, | » |
| Sino Van de Voorde, | » | Sro Verbuggen, | » |
| Fino Lopes, | » | Fino De Back, | » |
| Fino Klingelhoets, | » | Sro Struyf, | » |
| Sino Herickx, | » | Sino Struyf, | » |
| Fino Wuyts, | » | Sro Baln, | » |
| Sro Schoofs, | » | Sro Babilon, | » |
| Sro Dillen, | » | Sro Van de Hynde, | » |
| Sro Quaeyhaege, | » | Fino Van de Hynde, | » |
| Sino Quaeyhaege, | » | Sro Scheltens, | » |
| Sro Van Alsenoy, | » | Sro De Ridder, | » |
| Sro Champy, | » | Sro De Muynck, | Brugge. |
| Fino Champy, | » | Fino Thooris, | » |
| Sino De Winter, | » | Sro Van de Vyvere, | » |
| Fino De Winter, | » | Fino Priem, | » |
| Sro Moens, | » | Fino Boedt, | » |
| Sro De Backer, | » | Sro De Vriendt, | » |
| Sro Beernaert, | » | Sro Van Drunen, | Bruselo. |
| Fino De Kock, | » | Sino Van Drunen, | » |
| Sro Neels, | » | Sro Hecq, | » |
| Sro Fillet, | » | Fino Lareire, | » |
| Sro Finnet, | » | Fino Schmidt, | » |
| Sro Simons, | » | Fino Moreau, | » |
| Sro Van Schoor, | » | Fino Van Werst, | » |
| Sro Swolf, | » | Fino Detry, | » |
| Sro Giffroid, | » | Sino Detry, | » |
| Fino Giffroid, | » | Sro Tinant, | » |
| Sro De Kepper, | » | Sro Matthieux, | » |
| Fino Bevel, | » | Sro Bonald, | » |
| Fino Sebus, | » | Sro Lippens, | » |
| Sro Cocks, | » | Sro De Leener, | » |
| Srol Cocks, | » | Sro Meynkerke, | » |
| Sro Leclère, | » | Sro Tillière, | » |
| Fino De Jaegher, | » | Sro L' Abbé Richardson, | » |
| Sro Geyrinckx, | » | Sro Sel, | » |
| Sro De Keukeleire, | » | Sro L' Hossche, | » |
| Sro Vermeulen, | » | Sro D' Artois, | » |
| Sino Vermeulen, | » | Sro Dupont, | Bayne-Heusay. |
| Sro A. Vermandel, | » | Sro Rigelsen, | Cappellen |
| Fino M. Posenaer, | » | Fino Rigelsen, | » |
| Sro Weisz, | » | Sro Jacobs, | Contich. |
| Societo « Libera Penso », | » | Sro Lauwers, | » |

| | |
|---|---|
| Sino Delvoye, | Charleroi. |
| Sino Bourgeois, | » |
| Fino Galand, | » |
| Fino Quinet, | » |
| Sro Delcourt, | » |
| Sro Delvoye, | » |
| Sro Delavignette, | » |
| Sro Dusurgey, | » |
| Sro Ernst, | » |
| Sro Heusdain, | » |
| Sro Strivet, | » |
| Sro Wagner, | » |
| Sro Varendonck, | Gent. |
| Sino Nachtegaele, | » |
| Sro Maertens, | » |
| Sro Sebruyns, | » |
| Sino Sebruyns, | » |
| Sino Petiau, | » |
| Sro Petiau, | » |
| Sro Fouquet, | » |
| Sro Fouquet, | » |
| Sino Fouquet, | » |
| Fino Fouquet, | » |
| Fino De Clerq, | » |
| Fino Standaert, | » |
| Fino Schepens, | » |
| Fino Colyn, | » |
| Fino Colyn, | » |
| Sro Verheuge, | » |
| Sro Vanhyfte, | » |
| Sro Willems, | » |
| Sino Willems, | » |
| Sro Van Cleemputte, | » |
| Fino Verhesschen, | » |
| Sro Vermanderen, | » |
| Sro Simonis, | » |
| Sro De Zutter, | » |
| Sro Meyvaert, | « |
| Sino Van Melle, | » |
| Fino Van Melle, | » |
| Fino Van Melle, | » |
| Fino Höbisch, | » |
| Fino Sprangers, | » |
| Fino Baudou, | » |
| Sro Van de Vyvere, | » |
| Sro Van de Winkel, | » |
| Sro Herman, | » |
| Sro Van Ecke, | » |
| Fino D' Hossche, | » |
| Fino Sevranckx, | » |
| Sro Sevranckx, | » |
| Sino Sevranckx, | » |
| Sro Schlossmacher, | » |
| Sino Cosyn, | » |
| Fino Van den Bussche, | » |
| Fino Goosens, | » |
| Sro Mathys, | » |
| Fino Heylesonne, | » |
| Sro Claeys, | » |
| Fino Blanchaert, | » |
| Sro Anssens, | » |
| Sro Debruycker, | Gendbrugge. |
| Sro Patoor, | » |
| Sro De landsheer, | » |
| Sro Barbe, | » |
| Sro Van Dam, | » |
| Sro Martens, | » |
| Sro Eggerich, | » |
| Sro Barbe, | » |
| Sro Van der sypt, | » |
| Sro Penning, | » |
| Sro Halleux, | Liège. |
| Sro Van Wesenbeeck, | St. Mariaburg. |
| Sro Van de Velde, | Mechelen. |
| Sro Hendrickx, | Mortsel. |
| Sro Van Aecker, | Lembeke. |
| Sro Witteryck, | Steenbrugge. |
| Fino Ledène, | » |
| Fino Bevel, | » |
| Sro Borckmans, | Spa. |
| Sino Borckmans, | » |
| Fino Hoffmann, | » |
| Fino Petit, | Verviers. |
| Sro Parotte, | » |
| Fino Parotte, | » |
| Sino Leleux, | Lille. |
| Sino Laigre-Sapins, | » |
| Fino Laigre-Sapins, | » |
| Sino Tronquez, | » |
| Sro Tronquez, | » |
| Fino Barat, | » |
| Sro Barat, | » |
| Sro Piens, | » |
| Sro Felix, | » |
| Sro Beibmann, | » |
| Fino Moens, | » |
| Sro Bartomeu, | Barcelone. |
| Fino Belurier, | Fresnes-Nord. |
| Sro Richez, | » |
| Sino Richez, | » |
| Fino Richez, | » |
| Fino Bournonville, | Condé. |
| Sro Richard, | » |
| Sro Grenier, | Escaut. Pont. |
| Fino Flourens, | Beziers. |
| Sro Nix, | Eastbourne. |
| Sro Vivian, | Hull. |
| Fino Vivian, | » |
| Sro Lange, | Ensival. |
| Sro Gilot, | Andrimont. |
| Sro Van der Haack, | Rotterdam. |
| Sro Loëber, | » |
| Sro Berkvens, | Stratum. |
| Sro Boutwood, | Hastings. |
| Sro Adams, | » |
| Sro Rogers, | Notts. |
| Sro Jessop, | Memfil.d |

# VIII. Universala Kongreso Esperantista en Krakovo

**11-18 Aŭgusto 1912**

SESA CIRKULERO

*Vojaĝo al Krakovo.* — U. E. A. organizas du karavanojn al la kongresurbo, el kiuj unu foriros el Parizo kaj la alia el Lyon. — Ambaŭ partoj kuniĝos en Zürich kaj atingos Krakovon ĉu tra München, Salzburg, Wien, ĉu tra Innsbruck, Salzburg, Wien. — La aranĝo de la karavanoj estis komisiita al S-roj. Poncet (Lyon), Schmid (Bern) kaj Genermont (Paris).

*Fervoja rabato.* — La ministerio por fervojaj aferoj konsentis doni rabaton sur ĉiuj linioj de aŭstriaj ŝtataj fervojoj en tia formo, ke uzante la rapidan vagonaron oni pagos la prezon de persona vagonaro kaj uzante la personan vagonaron oni pagos duonan prezon de rapida vagonaro. La rabato valoras unu semajnon antaŭ kaj unu semajnon post la kongreso. Ĉiuj kongresanoj ricevos de la Komitato rajtigilon, kiu ebligos al ili la profituzon de la rabato. — La rajtigiloj baldaŭ estos dissenditaj.

*Subvencioj.* Ĝis nun jenaj institucioj donis monhelpojn por la Kongreso : La urbestraro de Krakovo — 5000 Kr ; la ministerio por publikaj laboroj — 1000 Kr : la krakova Sindikato de Komercistoj — 200 Kr. Krom tio promesis subvenciojn : la Turista Ligo en Krakovo koj la Krakova komerca Ĉambro.

*Reklamoj en la kongresaj eldonaĵoj.* — La kolektrajton de anoncoj por la kongresa libro kaj bulteno en Anglujo, Rumanujo, Italujo kaj Hispanujo ricevis la firmo : Tutmonda Anonc-ekspedo en Berlin, S. W. 48.

*Loĝado kaj manĝado.* — La kongresanoj mendantaj ĉambron kun manĝoj ne estas devigataj manĝi en la hotelo, ĉar la rajtigiloj por loĝado kaj manĝado estas tute apartaj. — Ĉi tiuj lastaj rajtigiloj povas esti laŭvole uzataj ĉu por aparta manĝado en la hotelo ĉu por komuna manĝado en restoracio.

La koston de la tuttaga manĝado montras la diferenco, inter la prezo de la tarifo « ĉambro kaj tri manĝoj » kaj la tarifo « ĉambro sen mangoj » (vidu la dorsan flankon de la aliĝilo). — La prezoj fiksitaj en la ambaŭ tarifoj estas nur maksimume kalkulitaj kaj la eventuala troa mono estos repagata al la kongresanoj en la Akceptejo.

Mendante la loĝejon oni nepre uzu la aliĝilon, ĉar tio tre pli faciligas al la enloĝiga sekcio la registradon de la mendoj.

La kongresanoj estas speciale atentigataj pri tio, ke intencante serĉi loĝejon sen pero de la komitato, ili facile povos sperti grandajn malagrablajojn, rilate al kiuj komitato prenas sur sin nenian respondecon. La komitato estas responda nur por loĝejoj, menditaj pere de la enloĝiga sekcio, kiu ĉiurimede klopodas kontentigi la kongresanojn rezervante al ili nur bonajn kaj konvenajn loĝejojn.

La komitato insiste petas ne prokrasti la mendojn de la loĝejoj, ĉar lastahore estos fizike neeble plene kontentigi ĉies dezirojn.

*La vegetaranoj* bonvolu en la aliĝilo fari konforman rimarkon, por ke la komitato, povu ĝustatempe fari necesajn aranĝojn kun vegetarana restoracio.

## Provizora programa de la Kongreso.

*Dimanĉe,* la 11/8 : Inaŭguro de la Kongreso.

Vespere, komuna festmanĝo.

*Lunde,* la 12/8 Kongresaj kunsidoj.

Vespere, Jubilea Festvespero.

*Marde,* la 13/8 : Ekskurso al salminejoj en Wieliczka. —Vizitado de la Kongresurbo. —Vespere, lumbildaj paroladoj.

*Merkrede,* la 15/8 : Kongresaj kunsidoj.

Vespere, teatraj prezentadoj : por unu parto de la kongresanoj en la urba teatro la tragedio « Mazepa » ; por alia parto en lia «Teatro de Novaĵoj» la burlesko «Ĉio en ordo» kabareto k.a.

*Ĵaŭde,* la 25/8 : Diservoj kun esperantaj predikoj en katolika kaj protestanta preĝejoj.

Manovroj de la Ruĝa Kruco.

Disdono de la premioj de la Literatura konkurso.

Vespere, balo.

*Vendrede,* la 16/8 : Kongresaj kunsidoj.

Vespere, teatraj prezentadoj (vidu : merkrede). - Ambaŭ partoj de la kongresanoj ŝanĝos la teatrojn.

*Sabate,* la 17/9 : Finferma kunsido de la kongreso.

Vespere, koncerto.

*Dimanĉe,* la 18/8 : Festa parado de krakova garnizono, okaze de la 82a. naskiĝotago de imperiestro Francisko Jozefo I.

*Postkongresa ekskurso* al Zakopane, vizitado de Tatramontaro kaj plua vojaĝo al Budapestaj kongresoj.

*Prezo de fervojaj biletoj de Budapest kaj Praha.* Aldone al publikigita jam per unua cirkulero tabelo de distancoj ni komunikas la prezojn de fervojaj biletoj de ĉi tiuj du urboj al kongresa urbo :

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| de Budapest, | rapida | vagonaro | II. kl. | kostas | K 33.60 | |
| | persona | » | II. » | » | » 25.—, | III. kl. 16.10 |
| de Praha | rapida | » | II. » | » | » 35.40, | III. » 21.80 |
| | persona | » | II. » | » | » 27.50, | III. » 17.30 |

*Grava deklaro.* La Komitato sciiĝis, ke iu dissemas malican famon, ke ni intencas aranĝi en Krakovo okaze de la kongreso ian politikan manifestadon. Ĉar simila, evidente malvera, famo povas havi malagrablajn konsekvencojn, ni sentas nin devigitaj oficiale deklari, *ke ni aranĝas internacian, pure neŭtralan kongreson, sed ne ian nacian manifestadon.*

La Komitato.

*Urĝas !* Personoj, kiuj intencas partopreni la Okan sendu senprokraste sian aliĝon, ĉar nur tiuj, kiuj aliĝos sufiĉe frue, povos profiti rabaton sur ĉiuj ŝtataj fervojaj linioj en Aŭstrio, Al tiuj, kiuj aliĝos en la lasta momento estos neeble sendi rabatilon, per kiu ili nepre devas sin legitimi aĉetante rabatitan bileton.

---

## Protokolo pri la komitata kunveno de la Belga Ligo Esperantista, okazinta la 30an de marto 1912, "Hôtel Metropole", Bruselo.

La kunveno estas malfermata je la 10 1/4a sub la prezidanteco de S-ro Witteryck, prezidanto.

*Ĉeestas : Delegitoj de la ĝenerala kunveno :* S-roj Babilon, Champy, Parotte, Pastro Richardson kaj Van Schoor.

*Delegitoj de la grupoj :* S-roj Finet kaj Van de Velde (anstataŭanta D-ron Van der Biest) (A. G. E.) ; Jul. Jacobs kaj Schoofs, (V. S. A.) ; J. Jacobs kaj F. De Backer (S. L. A.); de Vries (E. U. A.) Vermandel (Verda Standardo kiu funkcios post baloto de tiu grupo) ; Albert (Beyne-Heusay) ; Clerbaut (B. G.) : F-ino Posenaer (L B.) ; F-ino Ledène kaj S-ro Witteryck (B. G.) ; S-roj Delvaux (K. G.) ; Petiau (G. G.) ; Wesenbeeck (V. F. M.); Mathieux (B. G. E.); Lamberts (L.Z.) S-ino D-ino Biske kaj F-ino Stronck (Grupo Esperanto Spa) ; S-ino Parotte-Demortier (E. G. V.) ;

D-ro Dupont senkulpigis sin.

Ĉar 25 delegitoj ĉeestas, la kunvenantaro rajtas voĉdoni.

1°.— *La Protokolo* pri la antaŭa kunveno estas aprobata post rimarko de S-ro Schoofs.

Antaŭ ol pritrakti la tagordon, la Prezidanto, per kelkaj emociaj paroloj rememoras al la kunvenantaro la tre gravan perdon kiujn la Belga esperantistaro kaj la Ligo faris pro la morto de S-ro Van der Biest-Andelhof, kaj li certigas ke lia memoro estos konservata ĉe la koro de ĉiu esperantisto.

La Prezidanto sin turnante al la delegitoj de la grupo de Spa, nove aliĝinta, deziras al ili koran bonvenon ĉe la komitato.

2°. — *Nova Aliĝo.* — La peto pri aliĝo de la grupo « La Verda Standardo el Antverpeno » estas esplorata. S-ro Champy rimarkigas ke kelkaj artikoloj de la regularo de tiu grupo, — ĝis nun ne ekzistas en la regularo de la aliĝintaj grupoj kaj atentigas pri la enkonduko de novaj principoj. Post diskutado kaj klarigo de la prezidanto, Verda Standardo estas akceptata. Du delegitoj ne voĉdonas.

3°.— *Enskribprezo por ekzameno.*

S-ro Petiau klarigas la demandon kaj la celon de la Genta, Grupo. S-roj J. Jacobs, Finet, Van Schoor, Schoofs, Delvaux

kaj Champy, parolas diversmaniere pri tiu objekto. Fine estas decidata ke provizore, kaj nur por ĉi tiu jaro, la enskribprezo estos nur kvin frankojn, kondiĉe ke la kandidatoj estu almenaŭ 20. Oni decidas ankoraŭ ke la kondiĉoj kaj programo pri la ekzamenoj estos pridiskutataj de speciala komisio, kunmetita de juĝantaro kaj de la estraro de la komitato, kiu decidos pri la necesaj ŝanĝoj.

4°.— *Reorganizo de la propagandista societo.* S-ro Witteryck legas projekton de regularo pri tiu societo. S-roj Parotte, Finet, Schoofs kaj Jacobs parolas pri la utileco de tiu societo. Oni rimarkigas ke la Ligo mem havas saman celon. La Prezidanto rimarkigas ke laŭ sia vidmaniero, la propagandista societo povas esti kvazaŭ nur sekcio de la Ligo, sed estas pli facile ke tiu sekcio havu pli da libereco. Li sciigas ankaŭ ke post leteroj skribitaj al kelkaj eminentuloj de nia lando, jam tri personoj favore respondis al la peto per sendo de mono kaj promeso de jarhelpmono. La delegitoj varme aplaŭdis je tiu bela rezultato kaj la prezidanto estas dankata pri liaj klopodoj. S-ro Witteryck rimarkigas ke granda parto de la dankoj sin turnas al S-ro Delvaux.

Fine, S-ro Witteryck proponas ke la komitato lasu lin organizi la propagandistan societon, por unu jaro, laŭ siaj ideoj kaj ke li povu disponi, laŭ bezono, de la mono rikoltita. Poste, li pravigos sian agadon. Akceptata.

5°. — *Donaco al la Reĝino.* La prezidanto klarigas tiun punkton sciigante ke la firmo Lachelin,el Parizo, proponas donaci al la Ligo ventumilon kiun ĝi donacus al nia Reĝino. La komitato akceptas tiun proponon kaj komisias la prezidanton por ordigi la aferon.

6°.— *IVa Belga Kongreso.* Pri la nacia lingvo uzota dum la oficiala akcepto ĉe la aŭtoritatoj, estas decidata ke nur la loka komitato kun la estraro de la ligo, povas juĝi kia lingvo taŭgas, laŭ la personaj sentoj de la aŭtoritatoj kiuj bonvolus akcepti la esperantistojn. Dum la festeno, estos same pri la tosto al la lokaj aŭtoritatoj kiam esperanto ne povos esti uzata. La loka komitato zorgu ke tosto al la gazetaro estu farota en du naciaj lingvoj.

La propono de programo de la loka komitato estas akceptata krom malgrava ŝanĝo de la horoj ; pri la tagordo de la ĝeneralo kunveno, oni sendos kiel eble plej rapide, la temojn proponotajn al la prezidanto.

7°.— *Projekto de Konkurso.* S-ro Champy rimarkigas ke ĝis nun, nur literaturaj konkursoj estis organizitaj. Por la progando li proponas organizi artan konkurson de desegnoj,pentraĵoj, k. t. p. sin rilatantaj al nia ideo. Estos bonaj elementoj por propagandistaj paroladoj, ekspozicioj, k. t. p, La principo estas akceptata.

8°. — Agada komitato. S-ro Parotte, je l'nomo de la Verviersa grupo petas klarigojn pri la kunmetado de la agada komitato kaj interpretado de la liga regularo. Post klarigoj li ne insistas plu.

9°. — *Reguligo de la Regularo.* S-ro Champy rimarkigas ke diversaj punktoj de la regularo ne estas sufiĉe precizaj kaj li proponas ke oni submetu al la proksima ĝenerala kunveno alian tekston pli precizan. Akceptata.

10°. — *Reelekto de la juĝantaro.* Laŭ la speciala regularo la misio de la juĝantaro por la ekzameno pri profesora kapableco estas finita. La komitato kunmetis jene novan juĝantaron :

S-roj Ad. Finet, D-ro W. Van der Biest kaj A. Maertens, efektivaj membroj, kaj F ino B. Ledène, S roj J. Parotte kaj F. Wagner aldonitaj membroj. S-ro Finet estas elektata kiel prezidanto de tiu juĝantaro.

11°. — *Diversaĵoj.* — S-ino D-ino Biske konigas gravajn informojn pri la esperantista movado en Spa. La urbestraro estas plene favora al esperanto kaj ĝi decidis enkonduki la lernadon de esperanto en la oficialaj lernejoj. Ŝi proponas ke la komitato adresu danktelegramon al la skabeno de la publika instruado, kiu tiel efike favoras nian propagandon, Akceptata.

S ro Albert proponas ke la komitato elektu kiel honoran membron, S-ron Notermans el Liège ; S-ro Petiau faras saman proponon pri S-ro Maertens el Gent : Akceptata.

La tagordo estas elĉerpata, la kunveno disiĝas je la 13.

La Ĝenerala Sekretario
L. Champy.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN. — Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj.** — La 4-an de majo, nia samideano Frans Schoofs, faris en tiu societo la finan lecionon de sia kurso pri Esperanto. Je tiu okazo, S-ro van Duynen dankis la instruinton kaj donacis al li je la nomo de la lernintoj belan memoraĵon.

**Suda Lumo.** — La 13an de majo, tiu grupo organizis festenon por festi la 3-an datrevon de sia fondo. Pli ol 50 membroj respondis la inviton de la komitato kaj ĉeestis tiun festenon, kiun malfermis la prezidanto, s-ro Jan Jacobs, prezentante S-ron J. Buschmann, protektantan membron de la grupo. Dum la tuta daŭro de la festo, la plej gaja kaj samideana humoro regis inter la partoprenantoj. La loko pri kiu mi disponas estas multe tro malampleksa por priparoli, eĉ por noti ĉiujn numerojn de la improvizita koncerto, kiu okazis dum la manĝo. Aŭdigis sin kun sukceso : F-inoj P. Respen, P. Louyet, M. De Wieuw, S-roj Jos. kaj Pol Verbraecken, Lod.

Kooyman, Jan Dillen, Bon. De Wieuw. Ludis fortepiane kaj akompanis la gekantistojn F-inoj Paulina Rogiest kaj Maria Cuylits.

Tostante, la prezidanto proponis trinki je la sano de la ĉeestanta protektanta membro S-ro Jos Buschmann. Li dankis ĉiujn siajn helpantajn komitatanojn kaj societanojn pro la de ili efektivigita laboro kaj li speciale menciis nian kamaradon Frans De Backer, kiu senĉese sin donas al la grupo kaj kiu estis ankaŭ la organizanto de la tiel agrabla festeno. M. I.

**Antverpena Grupo Esperantista**. Dum la septembra monato la Antverpena Grupo Esperantista intencas prifesti la dekan jaron de sia ekzistado, la dekan jaron de la enkonduko de Esperanto en Antwerpen kaj la kvindekan datrevenon de la apero de la unua Zamenhofa broŝuro.

Grandoj festoj okazos kaj ĉiuj samideanoj estos invititaj partopreni tiujn festojn. Inter aliaj, provizore fiksitaj punktoj de la programo ni citu : Riprezentado ĉu de la originala teatraĵo «*En Danĝero*» de nia grupanoUntermann, ĉu de la teatraĵo « *Kaatje* » de P. Spaak, esperantigita de S-ro Van der Biest ; vaporŝipa ekskurso sur la Skeldo, per la grandegaj ŝipoj Wilford ; festa kunveno kaj tagmanĝo : propaganda parolado de eminentulo ; oficiala akcepto en la Urbdomo.

En nia proksima numero ni donos pli ampleksajn detalojn.

La Antverpenaj Esperantistoj estas petataj partopreni kiel eble multnombre en la ekskurso al la ruinoj de l'Abatejo de Villers-la Ville, organizita de la Grupo eu Charleroi. Sendu tuj la aliĝilon al la Sekretario de la Antverpena Centra Esperantista Komitato.

**BOOM**. — la 16-an de Junio la grupo « Laboro » el Borgerhout organizis ekskurson al Willebroeck kaj Boom, en kiu partoprenis ankaŭ membroj de la antverpenaj grupoj. Malgraŭ la malbonega vetero la bonhumoro ne forlasis la kuraĝajn ekskursantojn, kiuj vizitis la interesan Fabrikon De Naeyer. Posttagmeze ili iris piede al Boom, kie ili estis kore akceptataj de la Boom'a Grupo Esperantista.

En la sidejo de tiu grupo okazis poste agrabla festeto, dum kiu sin aŭdigis multaj gesamideanoj, precipe F-ino Maria Lannie kaj S-ro Alf. Van de Velde.

**CHARLEROI** — La ekspozicio de esperantaj eldonaĵoj, organizita la 12an de Majo ĉe la kunvenejo de l'Karloreĝaj preslaboristoj, tre interesis la vizitintojn. Ili vere surpriziĝis pri la ĉiama disvastiĝado de la movado tra la plej malproksimaj anguloj de la mondo. Kompreninte la gravecon de la afero por ilia fako, ili fervore deziras lerni esperanton. Speciala kurso por la ĉitiea preslaborista asocio, farata de S-ro W. Ernst, komencis la 24an de Majo Pli ol 30 aŭskultantoj enskribiĝis.

Aliparte, ĉiujaŭde la unuagradaj geinstruistoj de nia regiono ricevas esperantajn lecionojn de S-ro L. Delvaux, ĉe la Normala Lernejo de Charleroi.

Kiel kompreneble, nia propagando pli kaj pli prosperas kaj disvastiĝas.

F. W.

**Ekskurso al Villers-la-ville**. La vigla grupo de tiu urbo organizas malgrandan plezurvojaĝon ĉefe agrabla por ĉiuj kiuj ne ankoraŭ vizitis la pentrindan regionon kaj la rimarkindajn vidindaĵojn de Villers-la-Ville.

La karloreĝanoj alvenos en Court St Etienne je la 10 h. 27 matene.

La samideanoj kiuj deziras partopreni, estas informitaj ke forlasante Bruselon (Quartier Leopold) je la 10 h. 06 matene, oni estas en Court St Etienne (via Ottignies) je la 10 h. 47, kie la Karloreĝanoj atendas ilin.

De Court St Etienne ĝis Villers estas ĉarma interspaco de 10 kilometroj proksimume, farota piedire tra arbaroj laŭlonge de la rivereto Thisnes. Tiu promenado permesos viziti la malnovan kastelon Lamotte.

La personoj tamen kiuj tro timas kruran laciĝon, pavos daŭrigi sian fervojan vojaĝon ĝis Villers-la-Ville, kie ili iom vagos tra la belaj arbaroj kaj vojetoj, kiuj cirkaŭas ĉiuflanke la ruinojn, ĝis la horo kiam la piedvojaĝantoj reatingos ilin, je la 1a posttagmeze.

Ĉiu ekskursanto el Charleroi kunprenos la necesan manĝaĵon, por ke li povu manĝi laŭokaze kaj laŭmalsate, kie kaj kiam li volas. Ekzistas tamen, proksime de la ruinoj, du bonaj restoracioj. (sed multekostaj ! Red.)

La vizito de la ruinaro havos lokon grupe dum la posttagmezaj horoj. Oni bonvolu por pli ampleksaj detaloj sin turni al Fraŭlino Susi Galand, rue Fagnart, 10, Charleroi.

**LEOPOLDSBURG.** — **Nova kurso.** Nia sindonema amika leŭtenanto A. Dupont, starigis novan kurson pri nia lingvo por oficiroj. Niajn sincerajn gratulojn kaj dankojn al la propagandema samideano.

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — Novaj grupoj fondiĝis en Wigan Setchworth kaj en Devoran (Cornwall). Nova kurso stariĝis en Woodgreen, Londono. Blindulino faris bonan paroladon pri laboro farita per kaj por blinduloj ; ankaŭ en Leeds oni instruas blindulojn, kie kurso ekzistas de ses monatoj, nun jam unu komencas korespondi kun alilanduloj : ankaŭ en St. Leonards oni parolis pri blinduloj kaj Sinjorino Morrison, blindulino, ree parolis. Plie oni parolis. propagande en Bradford, Darking, Wallasey kaj Battersea.

En Coventry oni ludis komedion esperantan : « Per Esperanto » (el Brita Esp.) kaj en Liverpool oni ludis « La nevo kiel Onklo » ; oni konstatas ke per teatroludo oni tuj varbas skeptikulojn. — Nova ideo estas manskribita gazeto, nomata «Verda Stelo» per grupano) en Southport; estas bona ideo por interesi la anojn, ĉar ĉiu devas kunhelpi per verkado, eĉ, se nur malmulte. Komerca progreso montriĝas, ĉar la unua alsendo de 114 skatoloj de oranĝoj alvenis en Londonon de la Sindikato Agricola el Benavites. Hispanujo ! — Ĉar la Germana Dent-Kuracistoj penadas akcepti Esperanton kiel interkomprenilon ĉe la venonta Intern. Dent-Kongreso en Londono 1914, Irlanda Dentista Asocio paroladis antaŭ Dentkuracistoj samcele, kie tiu rezultas kurson en la Dentsanejo.

**Francujo.** — La komunumaj balotadoj haltigis iom nian propagandon en Francujo. Ni eksciias ke unu el niaj plej sindonemaj samideanoj, S°Cresp el Cannes, provis originalan propagandrimedon. — Li prezentis sin kiel esperantista kandidato.

Subtenata de sia grupo, li faris belajn afiŝojn sur kiuj li montris elokvente la ĉefajn kvalitojn de nia lingvo, kaj ankaŭ ĝian homaman celon. S-o Cresp ricevis ĉirkaŭ 600 voĉdonojn. — Faman konkurson « Michelin » oni klopodas detale organizi.

Grava pariza ĵurnalo principe promesis aktivan kunlaboradon. — Mi memoras ke S-o Michelin malavare difinis 20.000 por ke ili estu disdonitaj kiel premioj al francaj gejunuloj sciantaj pri esperanto ; 500 premioj diversvaloraj estos donataj post konkurso, kies regularon speciala komisio pridiskutas nune.

Tiu konkurso okazos je Pasko 1913. J. Aizière

**Parizo.** — La 2an de Junio, ĝuste 25 jaroj post la apero de l'unua broŝuro pri Esperanto, la Paris'aj Esperantistoj solene festis la jubileon en la salono de l'Urbdomo de la Va distrikto de Paris, sub la honora prezido de S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto de la Societo franca por la prop, de Esperanto kaj efektiva prezido de S-ro Th. Cart, vicprezidanto de la S.E.P.E. La programo de l'koncerto, tute en Esperanto, estis organizita de la Zamenhofa Artista Adeptaro (reĝisoro V. Devjatnin) kun la helpo de l'konata « Estudiantina Cecilia »

Inter la multnombra franca ĉeestintaro. estis samideanoj el Aŭstralio Anglolando, Germanlando, Ruslando kaj Serbio.

La gazetaro esperantista estis bone riprezentita de F-ino Royer (Juna Esperantisto) D-ro Noël (Lingvo Internacia) S-ro Houbart (La Movado) S-ro de Coppet (La Dek-Sepa) kaj S-ro Fréchas (Le Monde Espeiantiste) Sin senkulpigis letere. S-ro Generalo Sébert.

Unuvorte : nova glora tago por Espero kaj Esperantismo ! ! !

**Germanujo.** — Mi povas komenci ĉi tiun raporton per grava sukceso rilate al la praktika uzo de nia lingvo. Niaj amikoj scias, ke la « Ruĝa Kruco » jam de longe interesiĝas pri Esperanto kaj, de post la Kvara Kongreso en Dresden, dum ĉiu sekvinta Internacia Kongreso Esperanta, aranĝis praktikajn ekzercojn per Esperanto. El Dresden nun ankaŭ devenas la sukceso. pri kiu mi volas paroli. Nome : la direktorio de la Saksa Ligo de « Ruĝa Kruco» (subskr. V. Grafo Vitzthum) dissendis al la kolonoj de «Ruĝa Kruco» en la reĝlando Saksuja cirkulerleteron per kiu estas serĉataj anoj por helpekspedicio al la ital-turka batalkampo, kiun la Centra Komitato de la Germanaj Unuiĝoj de «Ruĝa Kruco», laŭbezone aranĝos por sub'eni la turkan societon de «Ruĝa Duonluno». En tiu letero troviĝas la jena frazo : »... dezirata estas la scio de fremdaj lingvoj, precipe de la franca kaj la Esperanta helplingvo». Jen estas, laŭ mia scio, la unua okazo, en kiu la scio de nia lingvo estas oficiale dezirata. Ĉi tiun atentindan sukceson ni ŝuldas unuavice al S-ro general-majoro SCHMIDT el Dresden, kiu jam gvidis la ekzercadon de «Ruĝa Kruco» dum la Kvara, kaj kiu senĉese sin montras kiel favora amiko de nia afero.

Aliaj sufiĉe gravaj novaĵoj estas la sekvantaj : En la saksa parlamento la deputatoD-ro STECHE postulis la *devigan* instruadon de Esperanto en la altaj lernejoj, dum alia deputato, okaze de la debato pri la leĝo pri popollernejoj, postulos la *laŭvolan* instruadon de Esperanto en popollernejoj. — Plie la reĝa saksa ŝtatministerio por internaj aferoj konsentis pri *oficialaj Esperanto-stenografiaj kursoj*, aranĝotaj de la Reĝa Stenografia Oficejo en Dresden. La kotizo por partopreno en la kursoj estas pagota al la ŝtatkaso.

Fine ankoraŭ tre ĝojiga afero : la saksa parlamento decidis, ke 1000 markoj el le ŝtatkaso estu rezervitaj por la disvastigo de Esperanto.

Do oni vidas, ke en la lando de la kvara, Saksujo, prepariĝas gravaj aferoj. Sed ankaŭ la esperantista popolo de tiu lando ne dormas. En la tago de Ĉieliro okazis en *Mylan* la unua kunveno de la grupoj de Voghtland (distrikto de Saksujo). Dank'al la fervoregaj klopodoj de s-ro fabrikposedanto HUGO GERISCH el Auerbach la ankoraŭ tre nova esperanta movado en tiu distrikto bone progresas, tiel ke la jus citita kunveno en Mylan, kiun partoprenis riprezentantoj el preskaŭ ĉiuj saksaj grupoj kaj multaj neesperantistaj eminentuloj, havis neatenditan sukceson.

Kompreneble ankaŭ en aliaj regionoj de Germanujo niaj amikoj diligente laboras ; sed pri tio mi parolas la proksiman fojon. ARGUS.

**Hispanujo.** — Oni sciigas nin ke la grupoj de l' Pla del Valles (parto de kataluna regiono) kunigitaj, estas aranĝantaj gravegan feston por inde solenigi la XXVan datreveno de elapero de Esperanto. Fine oni decidis ke ĝi okazu en la industria urbo Sabadell (40.000 leĝantoj) je la dua dimanĉo de julio.

Tial oni preparas en apudurba arbaro « Càn Feu » oportunan scenejon por prezenti en propra Naturo « Misteron de Doloro » per la sama aktoraro kiu prezentis ĝin dum la Va Internacia kongreso en Barcelona.

Nokte post imponantaj propagandaj paroladoj ankaŭ ludos teatraĵon kaj koncerton. Sed rimarkindaj faktoj estas sendube ke kvar ĉiutagaj gazetoj eldonataj en Sabadell en la festa tago nur publikos tekston favora al Esperantismo kaj ankoraŭ plej gravaj ke Urbestraro partoprenigos Urban Muzikistaron kaj kiel esprimo de justa admiro al nia Majstro D-ro Zamenhof donas en la tago de la festo en solena maniero lian nomon al unu al stratoj de Sabadell.

Tio ĉi laŭ nia opinio meritas esti raportata al ciuj esperantistoj. Por plivarmigi tiel altan urban riprezentantaron kiu tiel sindone kaj respekte

sin kondukas por nia afero mi esperas ke ciuj grupo en la mondo kaj ankaŭ disaj esperantistaj kiel eble plej baldaŭ sendu al ĝi gratulan poŝtan karton.

**Holando.** — La Holando Societo Esperantista *La Estonto estas nia* havos sian jarfeston en Utrecht, la 4an de Aŭgusto 1912a.

La Belgaj samideanoj estos bonvenoj.

**Kubo.** — Du epokojn tre difinitajn ni povas vidi en la historio de la disvastigado de Esperanto en Kubo. La unua, de 1905 ĝis 1910 enhavas kvin jarojn de malforta propagando ; je la fino de tiu epoko aperis la unuaj esperantistaj rondetoj, kiuj baldaŭ malaperas. La dua epoko komencas la Ian de Januaro, 1910, dato de la fondigo de la «Societo Kuba por la propagando de Esperanto», fondita de dro. Alemàn. Centran Oficejon de la Societo oni malfermis en Habano kaj kvin monatojn poste aperis oficiala organo : «Cuba Esperantisto» De tiam oni paroladis pri Esperanto en multaj Kubaj urboj kaj la ĉefaj gazetoj publikigis artikolojn pri la afero. Dank' al la nelacigebla laboro de kelkaj pioniroj, jam ekzistas esperantistaj grupoj en Habana, Matanzas, Santa Clara, Santiago, Limonar, Colòn, San Nicolas, Sagua la Grande, Baez, Caibariĉn, Remedios, Cascajal, Tuinicù, Guantànamo kaj Placetas. ; en la ĉefurbo regule funkcias du kursoj. Komencinte la trian jaron de sia ekzistado, la Societo jam enkalkulas preskaŭ 500 anojn. Al ĝi apartenas bonkonataj personoj ; tri universitataj profesoroj, nome : Droj. Ortiz, Dolz kaj Dihigo : la du unuaj advokatoj kaj la tria filologo ; ankaŭ : Dro. Aramkuro, verkisto kaj diplomatiisto, nuna plenrajta Kuba Ministro en Ĉilujo kaj Dro. Jover, astronomiisto kaj Direktoro de la Instituto de Santa Clara.

**Skotlando.** Dum la vintra sezono oni havis preskaŭ okdek anojn en la Glasgova Esperanta societo ; la grupkunvenoj kaj kursoj estis tre sukcesaj.

En Aprilo, la neformaloj ĉiusemajnoj kunvenoj por tetrinkado kaj babilado en restoracio rekomencis.

Post la temanĝo, laŭ antaŭa aranĝo, ili vizitas interesaĵojn en la urbo

Unu vesperon, pli ol dudek anoj kune vizitis la plej gravan Fajrestingigejon en la urbo, kaj tie oni klarigis ĉiujn la aranĝojn de tiu ĉi fako mor dernega de la urbo zorgema por protektadi la vivojn kaj proprajojn de la enloĝantoj.

Alian vesperon, la esperantistoj esploris la konstruaĵon en kiu estas kreata la elektra energio, kiu veturigas la modernajn ĉarojn kiuj tiel sendanĝere prosperigas la urban translokigon. Alia interesaĵo vidita la lastan semajnon, estis la purigejo, de kelkaj el la urboj defluilegoj.

Kvankam la tieaj odoroj ne havas la bonajn ecojn de « Eau de Cologne » kaj ne estas ŝatindaj, tamen oni tre interese vidus glason da pura akvoelĉerpita el la torento, kiu forfluigas al la rivero.

Oni surprize aŭdis ke post purigado la restaĵoj havas komercan valoron, kaj efektive, oni ne havas sufiĉon de tiu komercaĵo per satigi la bezonojn de la aĉetantoj.

En Edinburgo ĵus fondiĝis nova grupo de Katolikaj Esperantistoj.

---

# BIBLIOGRAFIO

**Lernolibro de Esperanto.** — Gramatiko, ekzercaro kaj du vortaroj kun la portreto de D-ro L. L. Zamenhof Aprobita de la Ekzamena Komitato de la B. E. S. Eldono de la « Bulg. Esp. Biblioteko » *Sofia*, paĝoj 152 prezo 1,50 fr. Lukse bindita 2 fr. Mendebla ĉe la Internacia librejo de Iv. H. Nikolof, str. Alabinska, N° 33, Sofia.

Samideano Krestanof estas bona esperantisto ; li ankaŭ estas zorgema eldonanto, kiu donis al ni jam 6 bonojn kaj bele eldonitajn N-rojn de la Bulg. Esp. Biblioteko. Ni rajtas do atendi de li ankaŭ bonan lernolibron. Feliĉe — la ĵusaperinta lernolibro plene pravigas nian atendon. *Ĝi certe kaj nediskuteble superas ĉiujn lernolibrojn de Esperanto, kiuj aperis ĝis nun en bulgara lingvo.*

La nova lernolibro konsistas el gramatiko, metode partigita en 12 lecionoj. Ĝin sekvas trafe elektitaj ekzercoj, aranĝitaj por ĉiu gramatika parto. Poste venas la vortaroj. En la Esp. bulg. vortaro krom la vortoj de U. V., estas enmetitaj ankaŭ la vortoj de la Oficiala Aldono (de l'Akademio) signitaj per steleto. La bulg. esp. vortaro plene kontentigas la uzantojn ĉe ordinaraj bezonoj. Ambaŭ vortaroj enhavas proksimume 10.000 vortojn.

En la fino la aŭtoro prezentas liston de la plej gravaj esperantistaj societoj, eldonaĵoj, firmoj, gazetoj, k.t.p. Tiel do, se la nove varbita per tiu ĉi lernolibro esperantisto estas kolektanto, komercisto, vegetarano, abstinentulo k.t.p., k.t.p. — li tuj povos trovi sian sferon en la esperantista movado. Ni do prave povas diri, ke la nova lernolibro estas ne nur perfekta instruilo, sed ankaŭ ĝi prezentas veran *manlibron* por ĉiu nova samideano bulgara. Ankaŭ al la fremdulo deziranta konatiĝi per E-to kun la bulgara lingvo, ĝi povas utili dank'al la paralela traduko de ĉiu titoloj kaj precipe per la bona aranĝo de la vortaroj.

Se bona lernolibro estas sukceso de nia afero en iu lando kaj mi kredas ĉi tion firme, per la apero de la lernolibro de samideano Krestanof nia afero en Bulgarujo havos bonan sukceson.

At. D. Atanasov.

# NEKROLOGIO

La Esperantista grupo de Condé-sur-l'Escaut (Francujo) havas la malgajan honoron sciigi la esperantistaron pri la morto de S-ro Leŭtenanto **Valentin Mannevy**, sekretario de la grupo de Condé. La bedaŭrata mortinto glore mortis sur la batalkampo en Maharidja (Maroklando), la 9an de Aprilo. Li estis apenaŭ 30 jara. Li ripozu en paco.

# DIVERSAJ INFORMOJ

*Elpendigu la Verdan Standardon !* — Nia samideano *Barend Schoen*, sendas al ni leteron en kiu li rikomendas ke, je ĉiu festa okazo : kongreso, ĉu nacia ĉu internacia, datrevenoj de esperantistaj gravaj okazintaĵoj, festoj de grupoj, ligoj, federacioj, k. t. p. la grupoj kaj se eble la samideanoj elpendigu la verdan flagon, por ke tiamaniere ili faru reklamon kaj propagandon por nia movado. Ni varme aplaŭdas tiun proponon.

**Internacia kaj Universala Ekspozicio — Gent.** — La belgaj kaj eksterlandaj samideanoj kiuj deziras ricevi reklamilojn peresperantajn por la Ekspozicio de Gent 1913, bonvolu sin turni al S-ro Profesoro Arthur Vermandel, 72, Borgerhoutstraat, Antwerpen. Mencii la nombron de la mendataj reklamiloj kaj aldoni 0.50 fr. en respondkuponoj aŭ poŝtmarkoj por la poŝtelspezoj.

**Du Gravaj Alvokoj !!!**

**Por propaganda celo** ni petas insiste ke ĉiuj gesamideanoj esperantistaj aŭ personoj esperantemaj, kiuj estas membroj de la « *Turing Klubo de Belgujo* » kaj de la Antverpena Societo de Komercoficistoj « *Unitas* »

sendu senprokraste sian nomon (per vizitkarto) kun societana numero al la sekvantaj adresoj, respektive por la du asocioj :

por la « *Turing Klubo* » al :

Frans Schoofs, Kleine Beerstraat 45, Antwerpen.

por « *Unitas* » al :

Léon Van de Voorde, Dambruggestraat 118/2, Antwerpen.

**OFICIALA GAZETO, n-ro 44** (25 majo 1912). — Tiu numero enhavas la sekvon kaj finon de la raporto pri la dubaj tradukoj de la Universala Vortaro (angla parto). Ĝi sciigas, ke la proponoj prezentitaj de S-ro Esselin, la raporto pri la Vortaro Grosjean-Maupin kaj la nova Regularopor la Lingva Komitato, estas definitive aprobitaj de la Lingva Komitato. Venas poste diversaj sciigoj pri la Krakova Kongreso, la unua listo de societoj kaj grupoj, kiuj petis sian oficialan enskribon laŭ la Regularo aprobita de la Administra Komitato de la Centra Oficejo. La numero enhavas ankaŭ la sepan raporton de la Internacia Unuiĝo de Esperantaj Verkistoj, kun aldono pri la rajtoj de aŭtoroj en Britujo, verkita de S-ro W. M. Page.

Aldonita al tiu numero estas la sekvo de la grava serio de bibliografiaj notoj pri la libroj de nia literaturo kaj la tabelo de enhavo kaj kovrilo por la 4-a volumo de Oficiala Gazeto La tuta enhavo de Oficiala Gazeto dum ĝia kzara jaroj formas dikan volumon de 422 paĝoj.

# GRAVAJ AVIZOJ

Ĉar pro nia vojaĝo al la Krakova Kongreso, ni estas devigataj aperigi iom pli frue la aŭgustan numeron, oni bonvolu sendi ĉiajn komunikaĵojn por tiu numero, antaŭ la 20a de julio.

Dum la Genta Kongreso oni forprenis, el la Teatro Minard, la esperantan standardon de la grupo Charleroi. Kiu ion scias pri tiu afero, bonvolu skribi senprokraste al la redakcio de Belga Esperantisto.